„Mutig vorwärts!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

„Kuraĝe antaŭen!“

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

6a jaro. No. 3 Monata Marto 1929

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25, ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

**Hofrat Dr. Richard Schumann**, Professor an der Technischen Hochschule in Wien, hält am 22. März im I. Wiener Esperanto-Klub, I. Annagasse 5 (Klubräume der „Politischen Gesellschaft“) um halb 8 Uhr seinen Vortrag „Über die Lagerung der unterirdischen Schichten im Wiener Becken“ mit Lichtbildern in deutscher Sprache. Einleitende Worte in Esperanto. Gäste willkommen.

**Sektionsrat Dr. Kurt Frieberger**

„Vom Geiste der Sprache“

Vortrag in deutscher Sprache im I. Wiener Esperanto-Klub, I. Annagasse 5.

12. April, halb 8 Uhr. Gäste willkommen.

## Aus aller Welt.

### Vertreter von vier Rassen bei einem Zamenhoffeste.

Bei einem Zamenhoffeste in New York sprachen außer weißen Rednern auch zwei Indianer, der Häupting des Mohok-Stammes und ein Vertreter des Inka-Stammes aus Peru, ein Japaner und ein Neger. Die Vertreter von vier Rassen verständigten sich hiebei in Esperanto.

### Esp. an der Columbia-Universität.

Jones Wagnalls machte mit seiner Gattin Mabel, der bekannten Schriftstellerin, von deren Werken einige in Esperanto übersetzt sind, eine Automobilreise durch Europa, während welcher sie für Esperanto interessiert wurden. Nach Usono zurückgekehrt, führten sie Esp. in der Schule von Lithopolis ein und spendeten 40.000 Dollars der Columbia-Universität unter der Bedingung, daß die Zinsen hievon für den Unterricht des Esperanto als Pflichtfach zu dienen haben.

(Nach SAT-Paris.)

### Esp. bei einem diplomatischen Diner.

Bei einem vor kurzem im Ministerium des Äußern in Paris stattgehabten Diner zu Ehren der Intern. diplomatischen Konferenz für Ausstellungswesen saß der Präsident der Pariser Handelskammer, Mr. André Baudet, zwischen den Delegierten von Neu-Seeland und Australien. Mr. Baudet spricht nicht englisch, die beiden anderen nicht französisch. Da spricht der Delegierte Australiens Mr. Baudet in Esperanto an und nun kann erst ein Gespräch in Gang kommen, an dem der Delegierte Neu Seelands nur durch Übersetzen ins Englische teilnehmen kann.

**Radiostation JOAK in Tokio** begann am 10. Dez. 1928 einen neuen Esperantokurs, zu welchem 14.000 Lehrbücher verkauft wurden.

**Radiostation Minsk** sendet Sonntag von 13·00 bis 13·55 in weißrussischer Sprache Esperantokurs; Dienstag Berichte für das Ausland in Esperanto.

Die **katholische Weltjugendliga** arbeitet schon seit 1920 für und mittels Esperanto.

Der **Verband der Sozialistischen Jugend** in Spanien forderte alle seine Mitglieder auf, Esp. zu lernen und im Verkehr mit den ausländischen Klassengenossen zu verwenden.

### Das Kleine Volksblatt.

Dieses gut redigierte Blatt für das Volk (Preis 8 Groschen, Auflage 86.750) veröffentlichte in der kurzen Zeit seines Bestandes (seit Jänner d. J.) schon einige Artikel über Esperanto und begann in seiner Sonntagsbeilage vom 3. März einen Esperantokurs, der bis 23. Juni dauert. Die Redaktion schreibt außerdem eine Preisarbeit mit drei Prämien aus. Die Prämiierten erhalteu nach eigener Wahl entweder die Reisekosten von irgendeiner Station Oesterreichs nach Wien zur Eröffnung des Intern. Esperanto-Museums oder freie Fahrt von Wien nach Prag zur Teilnahme am 14. Intern. Kathol. Esperanto-Kongresse oder kostenlosen Aufenthalt während dieses Kongresses in Prag.

Das Verdienst, diesen Kurs angeregt zu haben, gebührt dem Esp.-Verein der christl. Angestelltenund Arbeiterschaft Oesterreichs (ELKA), der auch den Lehrgang leitet.

Wir beglückwünschen Herrn Chefredakteur Mailler zu dem Entschlusse, sein Blatt durch den Esperantokurs zu bereichern und empfehlen unseren Lesern, Lernbegierige auf diesen Kurs aufmerksam zu machen.

**»Nuevo Mundo« — Madrid.**

Sian numeron de l' 8. febr. 1929 tiu riĉe ilustrita kaj ampleksa semajna ĵurnalo dediĉas al la ĵus mortinta reĝopatrino Maria Christina, kiu pro sia bonkoreco kaj bonfaremo estis amata de la tuta hispana popolo. La titolpaĝon kovras fotografaĵo montranta ŝian reĝinan moŝton enmeze de aŭstriaj infanoj — en Madrido! Estis parto de la 324 stiriaj geinfanoj, kiujn la gastemaj hispanaj esperantistoj laŭ peto de Esperanto-Societo por Stirio en la jaroj 1920 kaj 1921 prenis al si por almenaŭ unu jaro.

La transporton kun 50 infanoj, kiu dum sia vojaĝo al Asturias devis trapasi Madrid-on, la reĝino gastigis por unu tago kaj nokto en vasta modele aranĝita orfejo »La Paloma«, kien ŝia reĝina moŝto venis, por saluti siajn sampatrujanojn en ilia lingvo.

Nia samideano Karl Bartel en Graz, tiam servanta kiel ĉefleutenanto, kondukis la infanojn al Hispanujo kaj estas videbla sur la bildo apud la reĝina moŝto.

**Univ.-prof. d-ro Klemens Pirquet †.**

Ankaŭ la esp.-istaro funebras pro la morto de ĉi tiu mondkonata scienculo despli, ĉar la mortinto estis amiko al Esperanto, akceptinte jam antaŭ jaroj la protektoraton de »Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio« (TEKA).

**Dr-o jur. Ernst Kliemke en Berlin †**

Germana Esperanto-Asocio perdis en li sian prezidanton, kiu nelacigeble laboris depost 20 jaroj sur propaganda, verkista kaj organiza kampoj!

Nian 'plej sinceran kondolencon al GEA kaj al la ŝatata familio.

Por AEA: Steiner, prez.

**»Aŭstrio.«**

Sub ĉi tiu titolo Ministerio por Komerco kaj Trafiko eldonis ĵus vere belegan faldprospekton. Sur unu paĝo troviĝas belega bildo »surmontprintempo« en trikolorpreso kaj modela landkarto de Aŭstrio, sur la alia 8 bildoj kun teksto. Eldonkvanto 10.000.

Ni danku pro eldono de ĉi tiu majstroverko al min.-kons. d-ro inĝ. Fr. Steiner kaj sekc.-kons. inĝ. Deinlein de la nomtia ministerio.

Eksterlandanoj mendu ĉe Int. Esper. Muzeo en Wien, I. Annag. 5, kiu senpage alsendos la gvidilon.

Enlandanoj sendu, se ili deziras ĝojigi siajn alilandajn korespondantojn. kovrilon (14×26 cm) kun algluita 8 gr. poŝtmarko al AEA, kiu enmetos la gvidilon kaj tuj forsendos ĝin.

Ĉiu kongresano ricevos ĝin! Pripensu, ke la varbilo estas por eksterlando, pro tio ĝi **ne** estos disdonata en Aŭstrio. *Sed ĉiu grupo ricevos po 2 ekzempleroj.*

## Internacia Esperanto-Muzeo.

**Protektoro:**

Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, Wilhelm Miklas.

Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Internacia Honora Komitato:**

Sir William E. Clegg, C. B. E., LLD., I. P., Vic-Kanceliero de Universitato en Sheffield eniris afable por Anglujo.

**Internacia Kuratora Komito.**

Prof. J. C. Flügel en Universitato London por Anglujo.

Profesoro inĝ. Gustav Scholze, prezidanto de Germana E-Ligo en Ĉehoslovakio, por la germana teritorio en Ĉehoslovakio.

**Materialo ricevita:**

Direktoro Horneck en Graz donacis la unuan lernolibron en latva lingvo:

»La lingvo internacia« no Dr. Esperanto. Riga 1889.

Laŭ donaclistoj n-roj: 163. E. Brenken-Bochum, 164. Asociazione Torinese-Torino, 165. Prof. Michele Arabeno-Genova, 166. Benson School of E.-Newark (USA), 167. Iĉio Sun-Shanghai (Ĉinujo), 168. E.-grupo-Pelplino (Polujo), 169. Dir. Horneck-Graz, 170. Bartholomew-Royston (Anglujo), 171. E.-Klubo-Ĉeske Budejovice. 172. prof. Flügel — London.

**Mono alveninta:**

Membrokotizo: Dürschmid-Graz kaj la listo sub Antaŭkongreso.

Por Loka Kuratora Komitato:

Smital, sekr. Steiner, prez.

# „Antaŭkongreso al la XXI-a"
# kun „Malfermo de Intern. Esperanto-Muzeo en Wien"

## Wien, 29. VII.–1. VIII. 1929. Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Protektoro:** Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio Wilhelm Miklas.

**Oficialigo de Antaŭkongreso:**

Genève, 25. februaro 1929.

Aŭstria Esperanto-Asocio, Wien, I. Annagasse 5.

Tre estimataj samideanoj,

Tre dankante vin pro via letero de 9. 2. 29, ni havas la plezuron informi vin, ke niaj komitatanoj kun plimulto akceptis la oficialigon de la Antaŭkongreso en Vieno, sub la kondiĉoj jam sciigitaj al vi.

Ni tre ĝojas pro tiu esprimo de fido pri via energia laboro kaj sincere esperas, ke tio estos instigado por viaj klopodadoj pri kiel eble plej granda perfekteco de via tuta aranĝo.

Ni estus tre dankaj al vi pro daŭra informado pri la progresoj de viaj laboroj kaj sendas al vi, kun denova bondeziro, niajn plej samideanajn salutojn. Intern. Centra Komitato.

Por la Prezidanto: Kreuz, ĝen. sekr.

**Kongreskarto** (Ŝ. 7.– aŭ egalvaloro) alsendota komence de aprilo. Familianoj pagas nur Ŝ. 5.– (+ 10 gr. afranko).

**Senpaga vizo** laŭ n-ro 2 de AE.

**Diservo** aranĝota la 31. julio de Aŭstria Ligo Katolika Esp. en Minoritenpreĝejo kun prediko.

**Rabato sur fervojoj:** Ĉiu, kiu vizitos Antaŭkongreson, ricevos montrante sian Antaŭkongreskarton 25 % rabaton por unufoja veturado al Wien kaj reen de Wien per ĉiuj trajnoj escepte luksaj, do ankaŭ per ĉiuj aliaj rapidtrajnoj.

**Eksterlandanoj** aĉetu en la limstacio aŭ en iu vojaĝoficejo la bileton de la limo al Wien kun 25 % rabato. Ili montru la Antaŭkongreskarton kaj tiu devas esti stampita de la vendanta oficejo (ĉu vojaĝ- aŭ fervojoficejo ĉe la limo), alie ili ne rajtas ricevi la reveturbileton de Wien al iu limo kun denove 25 % rabato. (Do ne forgesu tion!)

La prezoj estas:

| | Rapidtrajno | | Ordinara trajno. | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstriaj Ŝ. | 2. klaso | 3. klaso | 2. klaso | 3. klaso |
| Buchs trans Selzthal—Wien | 81.20 | 44.80 | 49.90 | 32.80 |
| Buchs trans Salzburg—Wien | 82.80 | 45.80 | 51.10 | 33.60 |
| Brenner trans Selzthal—Wien | 65.80 | 36.60 | 39.90 | 26.60 |
| Brenner trans Salzburg—Wien | 67.60 | 37.60 | 41.10 | 27.40 |
| San Candido—Wien | 60.20 | 33.40 | 35.70 | 23.80 |
| Salzburg—Wien | 40.80 | 22.60 | 21.30 | 14.20 |
| Passau—Wien | 39.20 | 21.80 | 20 40 | 13.60 |
| Lindau trans Selzthal—Wien | 78.— | 43 40 | 48.90 | 32.60 |
| Gmünd—Wien | 29.50 | 16.40 | 16.50 | 11.— |
| Bernhardstal—Wien | 17.30 | 9.60 | 9.— | 6.— |
| Marchegg—Wien | 9.— | 5.— | 5.25 | 3.50 |
| Nickelsdorf—Wien | 16.60 | 9.20 | 8.40 | 5.60 |
| Spielt ld—Wien | 39.20 | 21.80 | 20.40 | 13.60 |
| Rosenbach—Wien | 48.80 | 27.20 | 27.30 | 18.20 |
| Tarvis trans Leoben—Wien | 50.40 | 28.— | 28.50 | 19.— |

Tiuj prezoj estas la ordinaraj, de kiuj vi ricevos la rabaton da 25 %.

Por la reveturo ni proponas du vojojn:

1.) Wien Südbahnhof—Bruck an der Mur—Graz—Bruck an der Mur—Steinach Irdning—Bad. Aussee—Bad Ischl—Attnang Puchheim—Salzburg. Prezo jam rabatita je 25 % estas per rapidtrajno aŭ. Ŝ. 51.80 (en 2. klaso), 28.80 (en 3. klaso) kaj per ordinara trajno 30.— (2. kl.), 20.— (3. kl.)

Se vi deziras veturi de Ischl al Salzburg tra Salzkammergut la prezo estas per rapidtrajno 60.20 (2. kl.), 35.30 (3. kl.) kaj per ordinara trajno 35.10 (2. kl.), 23.40 (3. kl.). Sed la lastajn prezojn ni esperas ankoraŭ malaltigi. Dum ĉi tiu veturado vi vidos la plej belajn partojn de nia lando: Semmering, Graz, Bad Aussee, Ischl, Salzkammergut. Sesfoja interrompo laŭvola estas permesata. La samideanoj en Graz aranĝos akcepton kaj jam nun ĝojas, montri al vi la belegan 800 jaran ĉefurbon de Stirio, en la dumvojaj restadejoj la grupoj de Aŭstria Esperanto-Asocio (Landorganizo, sidejo Wien, I. Annagasse 5) kaj la delegitoj de UEA estos je via dispono, en Salzburg atendos vin la tieaj grupoj por montri al vi la belegan urbon de »Festludoj« kun ĝiaj multnombraj vidindaĵoj kaj poste vi vidos, kondukata de la grupo en Hallein ĉe Salzburg la faman salminejon.

2.) Wien Westbahnsof — Linz — Salzburg kun interrompo en Linz, poste la sama en Salzburg kaj Hallein kiel sub n-ro 1.). La grupo en Linz aranĝos grandan akcepton.

**La rabato valoras:** a) La tienveturado al Wien povas esti komencata plej frue je 0 horo de 28. julio kaj devas esti finata je la 12. h. de 7. aŭg., b) la reveturado povas esti plej frue komencata je la 12. h. de 2. aŭg. kaj devas esti plej malfrue finata je la 24. h. de 20. aŭg.

Kongresanoj, venantaj trans Buchs aŭ Passau kaj intencantaj veturi per fervojo nur ĝis Linz kaj de tie per ŝipo al Wien, ricevos sur fervojo nur tiam la rabaton da 25 %, se ili veturos en societo de almenaŭ 12 personoj aŭ aĉetos almenaŭ rabatitajn kartojn por tiom da personoj. La kongreskarto devas esti stampita en ĉi tiu limstacio.

**Enlandanoj** aĉetu montrante sian Antaŭkongreskarton 1 ½ ĝis Wien validajn veturbiletojn de la uzotaj trajnspeco kaj klaso, ĉi tiuj 1 ½ biletoj rajtigas ankaŭ al reveturo al la forveturstacio. Ambaŭ kartojn la vojaĝanto devas konservi ĝis finigo de la reveturo, ĉar aliel, se li ne povas montri ambaŭ kartojn, li estas konsiderata kiel vojaĝanto sen bileto kaj devas pagi la tuton. Do konservu ilin bone!

**La biletoj** validas por la veturado al Wien same kiel por eksterlandanoj, la reveturo devas esti finata je la 24. h. de 10. aŭg. La kongreskarto devas esti stampita antaŭ la forveturo en la stacio.

**Rabatoj sur ŝipoj:** Montrante la kongreskarton vi pagos por la veturado sur la ŝipoj de Donau-Dampfschiffahrts-Gesellschaft de:

| | 1. kl. | 2. kl. | | 1. kl. | 2. kl. | | 1. kl. | 2. kl. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Linz—Wien | 14.40 | 9.60 | Wien—Budapest | 21.— | 14.— | Budapest—Wien | 13.— | 8.70 |

malpli rabato da 50 %.

**Gvidfolioj** »Aŭstrio« kaj »Wien kaj Niederösterreich« ĵus aperis kaj ni sendos ilin tuj al la aliĝintoj.

**Membrokarto** al Internacia Esperanto-Muzeo en Wien por 1929 estas sendota kune kun la gvidfolioj.

**Antaŭpagota biletaro** estos preta en du semajnoj kaj ni en la venonta numero de AE. raportos pri la detaloj. Ni jam nun povas diri, ke vi malmultekoste vivos en Wien.

**Aliĝis ĝis nun:**

46. Bernfeld Erw. G., tekn. ofic., Wien
47. Haselbauer Osw. Joh., Braunau
48. Gleixner Joh., parohestro, Schloß Rosenau
49. Pauler Max, libroten., Wien
50. Wüster Julie, privat., Wien
51. Ŝubert Berta, vendejpos., Wien
52. Szekely Julius, fabrik., Wien
53. Chiba Julius, ofic., Wien
54. Brückl Franz, instr., Bockfliess
55. Wipplinger Fr. K., ofic. en minist.. Wien
56. Wipplinger Hermine, Wien
57. Hack Else, Hohenau
58. Chiba Louise, Wien
59. Robin d-ro Wilh, kurac., Warszawa

60. Hovorka Nik., eld. Wien
61. Marco Rosa, Graz
62. Dürschmied Karl, librokom., Graz
63. Bartel Karl, oficisto, Graz
64. Hallamayr Rolf, oficisto, Graz
65. Horneck Rud., lern. dir., Graz
66. Lossos Karl, pensiulo, Graz
67. Mudrak Walter, bankofic., Wien
68. Scholze, inĝ. Gustav, prof., Reichenberg
69. Spielmann, d-ro Ed., prez. de ILEPTO, Bern

**Respondo:** N-ro 37 vidu sub »vizo« pĝ. 14 kaj »rabato« pĝ. 28.

Por Prepara Komitato:

Hovorka sekr. Steiner prez.

## Graz, la 800jara ĉefurbo de »Verda Stirio«.



Graz, la dua urbo en Aŭstrio laŭ nombro de la enloĝantoj (150.000), prezentiĝas al la vizitantoj tiel ĉarma kiel nur malmultaj urboj en la mondo. Ĝies ĉefaj vidindaĵoj estas: Landhaus (provinca parlamentejo) kun sia belega arkadara korto el la 16-a jc., Zeughaus (arsenalo) enhavanta la plej grandan armilaron de Eŭropo el la mezepoko kaj el la komenco de novepoko, Muzeo Joanneum, Universitato, Teknika Altlernejo, Burg (kastelo), Katedralo el la 15-a jc. kun Maŭzoleo de l' imperiestro Ferdinando II., Leechkirche, la preĝejo de l' germana kavalira ordeno (14-a jc.), Schloßberg (kastelmonto) kun horloĝturo, antikvaj fortikaĵoj kaj sonorilturo ktp. en la centro de la urbo, ĉarmaj parkoj, du teatroj, monumentoj ktp.

Memoraĵoj pri grandaj historiaj epizodoj ekzistas multnombraj kaj donas al la urbo unikan karakteron.

Konataj verkistoj kiel R. H. Bartsch, Emil Ertl ktp. vivas kaj verkas en Graz, ĉerpante siajn ideojn el la intima ĉarmo kaj beleco de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo.

En la mondlingva movado Graz ludis gravan rolon. Volapük havis tie sian plej gravan grupon. Jam 1906 Graz-a E.-grupo estis fondata. 1913 okazis III-a kaj 1926 VI. Aŭstria Esp.-Kongreso en Graz. 1920 la grupo sukcesigis gastigi pli ol 300 infanojn en Hispanujo. En Graz estas E.-Societo por Stirio kaj ties Loka Grupo, apartenantaj al AEA. (Adreso: Graz, Schönaugasse 6), krome estas en Graz E.-Grupo »Em. Peltier« kaj grupo de Aŭstria Laborista Ligo Esp.

## Linz, ĉefurbo de Oberösterreich (Malsupra Aŭstrio),

Senkompare situata apud la bordoj de Danubo, 110.000 enloĝantoj, fama arbarriĉa ĉirkaŭaĵo kun belegaj perspektivoj, ideala elirpunkto por belaj migradoj en la plej ravajn regionojn de Aŭstrio: Salzkammergut, Wachau, Totes Gebirge, Gesäuse kaj Böhmerwald.

Vidindaĵoj: Nova Katedralo, gotika luksa konstruaĵo kun 135 m alta turo, Malnova Katedralo, kie Bruckner profesie ludis la orgenon, Landesmuseum kun eminentaj prahistoriaj kaj romaj elfositaĵoj kaj Altstadt kun multaj domoj en renesanca, baroka, rokoka kaj empira stiloj. Ĉarmaj ĝardenoj kaj parkoj. En la urba teritorio belvedera turo Pöstlingberg kun 300 km vastn Alpopanoramo (elektra surmontfervojo, aŭtomobilstrato, surmonthotelo).

Proksime de la urbo St. Florian, unu el la plej belaj abatejoj de Aŭstrio, kie Bruckner komponis kaj mortis, admirinda konstruaĵo kun 16 imperiestraj ĉambroj. Abatejo Wilhering. Abatejo Kremsmünster, grandstila kun observatorio kaj riĉaj kolektoj.

En Linz estas Esp.-Societo por Supra Aŭstrio, grupo Linz kiel parto de AEA, krome grupo de Aŭstria Laborista Ligo Esp.

Bedaŭrinde ni ne ricevis ĝustatempe kliŝon de Linz.

## Evoluo de la gastejoj kaj noktigejoj.

En la vico de la paroladoj en I. Esp.-Unuiĝo en Wien d-ro Friedrich Rucker, minist.-kons. en Ministerio p. Komerco kaj Trafiko, havigis al la ĉeestantaro la 1. marto agrablegan vesperon per siaj ege interesaj klarigoj pri la historio de la gastejoj kaj la montritaj lumbildoj.

Ĉeestis i. a. sekc.-ĉefoj inĝ. Kunze kaj d-ro Wohlgemuth, kort.-kons. d-ro d-ro Schumann kaj arĥ. docento d-ro Brunner (Technische Hochschule), min.-kons. Hawlik, inĝ. Pichler, arĥ. Frömmel, d-ro Hesse, d-ro Knaipp, inĝ. Jaksch, reg.-kons. Olga Hess, kons. Tremel (Oesterr. Handelsmuseum), prez. inĝ. Rous (Krantz-Hotel A. G.), hotelisto Hammerand: dir. Ehrenstein (N. Oe. Escompte-Ges.), arĥ. O. Hellwig, ĉef-insp. Tirold, red. Beer (Volkszeitung) kaj Edel (Tagblatt) ktp.

El la enkondukaj vortoj, kiujn d-ro Sós prelegis en E., ni nur citu jenan el la buŝo de fakulo tre gravan frazon: »Certa interrilato inter la paroltemo kaj E. ŝajnas esti al mi aktuala, ĉar la hotelo en sia vera senco estas »Ostel« (t. e. domo) por fremduloj kaj servas kiel restadejo al diverslingvaj personoj, tial estus preferinde same por gegastoj kiel ankaŭ por la servanta personaro, uzi unu komunan lingvon.«

La historio de la gastejoj estas parto de la kulturhistorio de la homaro. La komencoj datas el la hellena kaj poste el la grek-roma kulturepokoj. Jam en antikvaj tempoj oni konsideris la gastamecon plej alta devo de la homaro. Sen gastameco vojaĝoj en tiamaj tempoj ne povus esti faritaj.

Ĉirkaŭ la jaro 1000 a. K. jam ekzistis publikaj noktigejoj kaj amuzejoj, t. n. »Leschen« (elp. leŝen), en kiuj oni ankaŭ vendis manĝaĵojn, sed ili nur estis frekventataj de la plebo. La vojaĝantoj devis kuntransporti preskaŭ ĉiujn bezonaĵojn por la vojaĝo inkl. la nutraĵon por la bestoj. Malgraŭ la alta kulturgrado de la grekoj tiam ne ekzistis manĝadkutimoj, kiuj estus reguligintaj la komunan loĝadon kaj manĝadon de reciproke nekonataj homoj. Male oni emis sekvi senĝene siajn pasiojn kaj ne konsideri la aliajn. En la epoko de Homer oni jam manĝis ĉe tabloj, uzis el farunpasto formitajn kulerojn kaj el pano faritajn telerojn. La fremdulo estis akceptata gasteme, banata, vestigata kaj regalata. Nur post kelkaj tagoj, sed neniam antaŭ la tagmanĝo, oni demandis pri nomo kaj de kie li venis kaj ĝojis aŭskulti novaĵojn.

Pli poste oni faris gastkontraktojn, laŭ kiuj ambaŭ partoj celadis, eluzi pleje la gastrajton ĉe la alia.

Dum la roma imperiestrotempo grandbienuloj instalis ĉe gravaj ĉefstratoj staciojn por restado kaj ĉevalŝanĝo. Poste oni instalis ŝtatajn noktigejojn.

En Germanlando oni praktikis la gastamecon tra jarcentoj ĉiam senlime kaj sen iu penso je reciprokeco kiel plej alta devo. La vojaĝoj de la antikvaj germanoj servis aŭ la militon aŭ la serĉadon de aliaj loĝlokoj. Ili kuntransportis la nutraĵon, parte tiun ilin liveris la arbaroj kaj paŝtejoj. La primitiva loĝveturilo aŭ la verda naturo estis por ili noktloĝejo. Noktigejojn oni ne havis. Kie estis eble, oni uzis la gastamecon ofereme donatan. Tacitus raportas en »Germania«, »ke neniu popolo donas pli riĉan gastamecon ol la germanoj«. Kion oni unue libervole faris, poste leĝe estis ordonata kun la limigo de la gastigado je 3 tagoj, ĉar »tritaga gasto ofte fariĝas malagrablaĵo«.

La reĝo kaj liaj oficistoj gastiĝis precipe en la urboj aŭ ĉe la ekleziaj princoj kaj kastelgrafoj aŭ en monaĥejoj kaj abatejoj.

Al la ambasadoroj kaj ministeriaj oficistoj oni donis antaŭ komenco de veturado skribaĵon kiel legitimacion, el

kiu oni povis vidi, kiom ili rajtis postuli. Pli altranga oficisto kun sia akompanantaro ekzemple rajtis ricevi ĉiutage: 30 panojn, 2 porkidojn, 1 porkon, 3 kokojn, 15 ovojn, 2 barelojn da trinkaĵo kaj 3 buŝelojn da greno.

Speciale la monaĥejoj dum jarcentoj donis al la malriĉa vojaĝanto noktigon kaj nutradon kaj estis samtempe ŝirmo kaj fundamento de novekvekiĝinta kulturo, kiu montris siajn sekvojn inter alie ankaŭ en la edukado al pli bonaj manĝadkutimoj, enkonduko de lignoteleroj kaj — kuleroj — forkoj ekestis nur en la 14. jarcento — kaj al pureco kaj ordo.

Bonfara instalaĵo estis la hospicoj, kiujn la gravaj monaĥejoj konstruis ĉe multuzataj sed danĝeraj alptranspasejoj, kies unua estiĝis en 881 en Graubünden kaj kies plej famaj ankoraŭ nuntempe ekzistas sur St. Gotthard kaj Simplon.

Privatan gastamecon en la mezepoko faris la kavaliroj kaj kastelgrafoj, kiuj ofte kun granda sekvantaro vojaĝis eĉ ĝis la malproksima oriento (krucmilitoj).

Kiam en la oriento Islamo etendiĝis kaj multaj pilgrimantoj migris al la tombo de l' Profeto, oni ankaŭ tie sentis la necesecon je noktigejoj. Kiel ŝirmon por la pilgrimantoj kaj la komercistoj kontraŭ la vagantaj banditoj la sultanoj disponigis ŝirmtrupojn, la t. n. »Kiarwan«, el kiu estiĝis la signifo »karavano«.

En la mezepoka Germanujo la metia gastigado estiĝis en kolonioj apud Rhein, kie oni ĝin praktikis en lignaj dometoj. La mastro, samtempe butikisto, ne havis grandan gajnon pro la malgranda frekvento. Krome la prezoj de la nutraĵoj estis fiksataj laŭ tarifoj kaj por la noktiĝo oni preskaŭ nenion pagis. La mastro estis sub severa kontrolo koncerne la vendoprezojn de la trinkaĵoj, krome li devis pagi impostojn, antaŭ la 10-a li ne povis frekventi la nutraĵfoiron, »por ke li ne foraĉetu la plej bonon al la burĝoj«.

Sampaŝe kun la prospero de la komerctrafiko kreskis la nombro kaj kvalito de la gastejoj.

Unue ili situis ĉe la urbopordegoj pro la pasportkontrolo, poste one ilin konstruis proksime de la ĉefpreĝejo meze en la urbo. Kiel kuŝejo servis faskoj el fojno aŭ pajlo. En kelkaj domoj jam estis lignaj litoj, kies kusenoj kaj tukoj, se tiuj entute ekzistis, nur malofte estis purigataj. Pro tio la infekton je malsanoj kaj pedikoj nenio kontraŭstaris.

En la 12. jc. la fermohoro estis leĝe fiksata vintre je la 9-a kaj somere je la 10-a, dum la 30jara milito oni jam sonorigis la »biersonorilon« je la 8-a resp. 9-a.

La falsado de vino kaj biero severe estis punata. La enmiksado de spicaĵoj, herboj, fruktoj kaj mielo en la vinon estis permesata kaj ŝatata.

En la 15. jc. oni ekproduktis brandon, kiu tiam estis uzata kiel medikamento.

En la dua duono de l' mezepoko estiĝis publikaj trink- kaj manĝejoj, kaj kun la evoluo de la gildoj gildkunvenejoj. Al la migrantaj submajstroj servis apartaj noktigejoj.

La nobelaj kavaliroj fondis apartajn trinkejojn, kiujn oni povas konsideri modelo de la nuntempaj kluboj.

Kiam je la fino de l' 16. jc. Thurn und Taxis kreis regulan poŝttrafikon — la unua estis instalata 1516 inter Wien kaj Bruxelles — oni konstruis en tuta Mezeŭropo poŝtdomojn, kiuj estis ligataj kun gastejoj.

Je fino de l' 17. jc. palacsimila noktigejo en Paris ricevis la unuan fojon la titolon »Hotelo«, sub kiu esprimo oni antaŭe komprenis »kastelon«.

La unua »restoracio« estis fondata 1765 en Paris de vinvendisto Boulanger, kaj jam en 1765 Wien ricevis per Kolschitzky la unuan kafejon.

En Aŭstrio la vojaĝado estis privilegio de la nobeluloj. Sen deĵora aŭ negoca kaŭzoj la aŭstriano entute ne vojaĝis.

Kun la gravegaj ŝanĝoj en la trafiktekniko la gastejoj kaj noktigejoj ricevis alian karakteron. La grandkapitalo ekinteresiĝis kaj estiĝis hotelakciaj societoj.

En Anglujo la grandaj fervojsocietoj konstruis »Terminus-hotelojn« ĉe la plej gravaj ĉefstacioj kaj per tio plialtigis la frekventon sur siaj linioj. 1883 ekestis en New York hotelegoj kun 1000 kaj pli ĉambroj, hotelegoj, se oni komparas ilin kun la urbnoktigejo, fondita 1642 de Holanda-Okcidentinda Komp.

1878 Pullmann enkondukis la famajn dorm- kaj manĝveturilojn sur la grandaj amerikaj fervojoj, kiu sukcesiga ekzemplo iniciatis la bankiston Nagelmakers en Bruxelles fondi »Intern. dorm- kaj manĝveturilsocieton«.

Por ni en Aŭstrio estas la fremdulfrekvento vivdemando, pro tio estas la tasko de la publikaj faktoroj kunlabori, por ke la plej grava instalaĵo, la gastej- kaj hotelmetioj, evoluiĝu por servi kaj kontentigi la fremdulojn.

En la dua parto la prelegintо montris grandan aron da bildoj de noktigejoj el la tuta mondo komencante de simpla rifuĝejo ĝis amerika nubgratanto.

Longdaŭra aplaŭdo dankis min.-kons. Rucker, kiun la prezidanto elkore dankis nome de Unuiĝo.

---

### Gravaĵoj.

**20a Brita E.-Kongreso** okazos Pentekoste en County Hall de Canterbury.

La grava **Radio-gazeto „World-Radio"** starigis de januaro 1929 rubrikon pri kaj en Esp. Oni publikigos E.-lecionojn kaj alilandajn disaŭdigojn kaj eĉ ties tekstojn. Radio-parolantoj ĉiulandaj estas petataj pro alsendo de detaloj pri siaj paroladoj: Stacio, ondlongo, potenco, dato, horo, temo, tuto aŭ parto de la parolado por eventuala represo kaj nomo de la parolanto al W. H. Matthews, sekr., Radio-komitato de B. E. A., London WC1, 142 High Holborn.

**»Das Kleine Volksblatt«** publikigas en sia dimanĉa eldono E.-kurson, kiun iniciatis kaj disponigas E.-Laboristaro Kristana de Aŭstrio (ELKA). La 23. junio, je la fino de l' kurso, Volksblatt publikigos premian laboron kaj donos 3 valorajn premiojn.

**Linz:** Tagespost, Linzer Volksblatt, Oberöst. Tageszeitung raportas regule pri E.

**»Volksblatt«** en Krems a. D. la 14. II. publikigis bonegan artikolon sub la titolo »Wien, das Mekka der Esperantisten«.

**»Mitteilungen des Zentralvereines der Wiener Lehrerschaft«** raportis en sia januara numero pri E.-aranĝoj de ALLE en instruistaj rondoj.

**Werkszeitung d. Österr-Alpinen Montangesellschaft** publikigas en sia n-ro 4 el 1929 longan bonegan artikolon »Esperanto«, verkita de s-ro L. Chiba, oficisto de la nomita societo. Ni ĝojas pri la fakto, ke ĉi tiu gazeto, kiun ricevas ĉiuj salajruloj de ĉi tiu grava entrepreno senpage, raportis pri Esperanto, kaj gratulas al s-ro Chiba pro lia sukceso. Ni esperas, ke sekvos aliaj artikoloj kaj notetoj pri nia movado.

**Helsinki:** Grupo de junsocialistoj, intencantaj viziti la junsocialistajn tagojn en Wien en aŭgusto ĉijara, lernas E.-on.

**Linz:** S-ro Brieger, estro de Urba Fremdultrafikoficejo-Linz, raportis dum sia lasta Radioparolado pri »Fremdulfrekvento en Ob.-Österreich«, ke aro da karavanoj travojaĝos Aŭstrion pro Malfermo de IEMW en Wien kaj XXI-a en Budapest.

Laŭ invito de scienca klubo **»Euphorion«** en Wien s-ano L. Siedl faris paroladon pri la temo »Ĉu Esp. havas estontecon?« Estas salutinde, ke ĉi tiu klubo nun interesiĝas pri E. Instigis tiun intereson s-ano Frey.

**Originala stenografisistemo por Esperanto de prof. Ewald Brabbée** aperos en 4 semajnoj. La prezo prksme. aŭ Ŝ. 1.— — 1.50, sendebla per respondkuponoj en simpla letero. **Mendu jam nun ĉe nia gazeto.**

**Mondpaco kaj Ŝantuna Demando,** eldono de Int. Rilato-Komitato, 5, Mao-Tao Strato, Nankino, Ĥinujo. Dokumentaro kun fotografaĵoj pri la malfeliĉaj okazintaĵoj en Ĥinujo. dum lasta jaro, inter Ĥinoj kaj Japanoj.

**BES-adresaro** aperos en sia 8-a eldono Sendu vian adreson por enpreso, sendante 2 resp. kuponojn, al BES, Moravany v. Ĉ., Ĉsl.

**»La Dordrechta Esperantisto«,** organo de la grupo en Dordrecht (Nederlando) ekaperis en januaro.

**„Nord-Okcidento",** interkelta kaj tutmonda revuo, ekaperis printempe 1928 kiel aldono al „Gwalarn-Bretonlingva kvaronjara revuo" en Brest (Francujo).

**ISK** (Internacio de Socialista Kunbatalo.) De jan. 1929 aperas, provizore trimonate, E.-eldono de ĉi tiu socialista revuo, kies eldonantoj konvinkiĝis pri graveco de E. por la laborista movado kaj nun provas al ĝi. Mendojn sendu al: Administrejo de Esperanto-ISK, Servette 79, Ĝenevo.

**Bulteno** de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio, Moskvo, Spiridonovka 15. Novaperanta gazeto, 16 pĝ., monata.

**Gratulon** al familio Foltanek okaze naskiĝon de ĉarma ineto.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Wien, I., Annagasse 5

### Atentu!

Krom la diversaj grupoj jam ekaliĝas izoluloj. La komencon faris s-ro Jŭptner-Vöslau kaj inĝ. Auderieth-Wien. Izoluloj pagas pojare Ŝ 1.20 (alsendotaj en poŝtmarkoj kun indiko de nomo, profesio kaj adreso) kaj ricevos membrokarton. Por personoj, samtempe anoj de kelkaj grupoj, nur unu grupo pagos la kotizon (Ŝ 1.—). Ili mem elektu, kiu grupo tion faru.

### Propagandparolado en Graz.

Prez. de AEA Steiner faris la 7. marto paroladon en Graz, kiu estis vizitata de prksm. 90 neesp.-istoj. Dir. Horneck iniciatis tiun kaj preparis ĉion interkonsente kun la grupo, mendis la salonegon ktp. La gazetoj antaŭanoncis la paroladon, post kiu tuj anoncis sin lernemuloj al kurso, kiu je sufiĉa partoprenontaro komenciĝos en aprilo en »Erste Priv.-Handels- und Esperantoschule« de dir. Horneck en Graz.

Akompanata de s-ro Horneck, membro de la Graz-a grupo, prez. Steiner vizitis en Graz aron da altrangaj personoj kaj la gazetaron.

### Vizito al grupo Graz.

Prez. de AEA vizitis la 7. III. la grupon Graz kaj raportis pri la lastaj okazintaĵoj.

---

### Grupoj kaj izoluloj!

Ni kore invitas vin al la parolado de nia Honora Membro kort.-kons. d-ro Schumann. (vidu la titolpaĝon). Honorigu nin per via ĉeesto. I. E.-Unuiĝo en Wien.

---

**Braunau:** Kurso komenciĝis en Mattighofen la 9. II. kun 25 pers. Gvid. gefratoj Haselbauer el Braunau. »Rieder-Volkszeitung«, »Innviertler-Volksblatt« kaj »Neue Warte am Inn« raportis pri la kurso. La grupo aranĝas **»Esp.-Renkonton«** dum Pentekosto (18.—20. V.) en Braunau. Malmultekosta restado. Kiu volas veni, skribu al la grupestro s-ro Haselbauer, del de UEA.

**Eggenberg:** En la monaĥin-lernejo Fratulino Amanda gvidas kursojn.

**Graz: E.-Soc. por Stirio.** Nova korespondadreso: Graz, Schönaugasse 6 (Sro K. Bartel). — 16. 1. Estrarkunsido. Sro Rogler adiaŭas pro forloĝiĝo. Prez. dankas lin pro multjara fervorega laborado. Raporto pri konferenco 6. jan. en Wien. Konfirmo de eksiĝo el AED kaj aliĝo al AEA. Deviga abono de AE. Kotizo 1929 inkl. AE kaj societa bulteno S 7·20. — 20. 2. Estrarkunsido. Protesto kontraŭ malveraĵoj en la cirkuleroj de AED (nova).

**Graz:** — **Loka Grupo:** Kunvenoj ĉiuĵaŭde 20 h, gastejo »Pastete«, Sporgasse. — 10. 1. Raporto de naivulo: Impresoj el la Wien-a konferenco. Ĉeestas reprezentantoj de katolika kaj socialista E.-grupoj, gratulas pro fondigo de la neŭtrala landorganizo AEA. Sro Wallner prezentas siain plej novajn humoraĵojn. — 17. 1. Ekzercado. Kiel gastoj ĉeestas gvidanto kaj anoj de perfektiga kurso ĉe Arbeiterkammer. — 24. 1. Prelego el Germana Esperantisto pri la stato de la E.-movado je la fino de 1928. — 31. 1. Lumbildo-parolado pri Holando, Java kaj Budapest kaj recitaĵoj de Sro A. Smit el Haag. Sro Hallamayer dankas, priparolas la preparojn por la ĉijaraj kongresoj en Budapest kaj Wien, invitante al partopreno. — 7. 2. Monatkunveno. Raporto pri movado, ekzercaj ludoj. — 14. 2. Ekzercado, prelego. — Programo: 7. 3. Monatkunveno: Parolado de AEA-prez. Sro Steiner. — 14. 3., 28. 3., 11. 4. Ekzcercado, prelegoj. — 20. 3. Estrarkunsido. — 21. 3., 18. 4. Paroladoj. — 4. 4. Monatkunveno, raporto pri movado.

**Graz: E. Soc. »E. Peltier«** informas, ke ĝi, kvankam nuntempe ne aliĝanta al AEA, tre volonte kaj frateme kunlaboros.

**Graz: E.-Soc. »E. Peltier« Graz** en sia ĉefkunveno la 10. marto unuanime elektis prez. — d-ron Friedl, vicprez. — K. Dürschmid, sekr. — f-inojn M. Herbst kaj M. Mentschik, kas. — A. Nowotny kaj M. Lehner, bibl. — f-inoj B. Schwarz kaj L. Wohlfahrt, estraranoj — d-ron Halbedel kaj fratulinon M. Amanda. — D-ro Friedl faris la jarraporton kaj dankis al la alta protektoro Princepiskopo d-ro Pawlikowski, Grazer Volksblatt kaj Moser - librejo pra farita subteno. — Estas nun 3 kursoj, gvid. d-ro Friedl. En Odilienblindulejo fratulino Margareta instruas.

**Hainfeld:** Du kursoj por komenc. kaj progres., gvid. prez. Wandl.

**Innsbruck:** Klubo-Esperanta okazigis la 20-an februaro sian jarkunvenon. Nova estraro: Prez. — Roland Kühlbacher, vicprez. — Ilia Welkoff, sekr. — Edi Silberstein kaj Edi Pfeiffer, kas. — Hermann Lorenz kaj f-ino Bederlunger,

bibliot. — Hugo Silberstein kaj f-ino Herian, konsil. — prof. Egger kaj bankisto Bederlunger. — Al la ĝisnuna estro eksdir. Mair estis esprimata plej sincera danko. — Ĉiuvoĉe oni decidis, ne aliĝi nuntempe al iu ajn aŭstria E.-organizo.

**Salzburg**: **Salzburga E.-Grupo**: decidis en sia ĝeneralkunveno la 20. febr. la aliĝon al AEA. La nova estraro: Prez. — Hans Hörtenhuber, vicprez. — prof. dr-o Christanell, sekr. — s-ino Hörtenhuber, kas. — J. Pollhammer.

**Wien**: **Katolika Unuiĝo E.** en sia estrarkunsido decidis aliĝi al AEA.

**Wien**: **E.-Laboristaro Kristana de Aŭstrio** aranĝos dum la lasta semajno en julio kurson por grup- kaj kursgvidantoj, la partopreno en la kurso estos senpaga.

**Wien**: **E.-Organizo de Ofic-havantoj de Urbo Wien** en sia ĝeneralkunsido decidis ne resti ĉe AED kaj nuntempe ankaŭ ne aliĝi al AEA. La nova estraro decidos poste pri la aliĝo. Lernejdir. Struska estis elektata nova prezidanto kaj E. G. Bernfeld reelektata sekretario. Plena raporto en venonta numero.

**Wien**: **Polizei Esperanto Verein**: En la ĝeneralkunveno la 29. 1. la ĝisnuna meritplena grupestro distr. insp. Hirz rezignis kaj estis elektataj la ĝisnuna fervora vicprez. reg. insp. Gaidosch-prezidanto, insp. Rafelseder-sekr. kaj Mitterhofer-kasisto.

## Rimarkindaj presaĵoj.

**Oishi, W.**, Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno. Nr. 2 eldonita de la Aerologia Observatorio Tateno apud Tutiura (Irabakiken) Japanujo. Marto 1928. 175 paĝa.

En volumo XVII de »Gerlands Nachrichten« raportis la subskribinto pri Raporto Nr. 1 de tiu observatorio, aperinta en oktobro 1926. La volumo 2-a entenas la rezultatojn de meteorologiaj surteraj observadoj el la 5 jaroj 1921—1925. La laŭtabele ordigitajn reduktitajn observadnombrojn sekvas prilaboro de direktoro W. Oishi: »La klimato de Tateno«, mezvaloroj de meteorologiaj elementoj (Aero-temparaturo, premo, — malsekeco, pluvoj, vento), estas en por fakulo taŭga maniero prilaboritaj, kaj sur multaj tabeloj kaj desegnaĵoj prezentataj laŭ tagoj, monatoj, jaroj ordigitaj datumoj al E.-on sciantaj legantoj en ĉiuj landoj. Sed ankaŭ E.-on ne scianta leganto povas facile ellegi la ĉefaĵon pri ĉi tiuj en Japanujo faritaj esploroj kaj observadoj, certe aukaŭ en ĉi tiu 2-a volumo estas la celo de publikigo en E. tute atingita.

Rich. Schumann (Wien).

**»Sankta Venceslao«**, patrono de ĉeĥa nacio Lia vivo, martira morto kaj gloro. Eld. de Komitato por festoj de miljara jubileo de Sta. Venceslao en Praha, III. Josefska 8, 12·5×19·8, 29 pĝ.

Tiu ĉi libreto aranĝita de Borivoj Bebetka laŭ manuskripto de † Msgro d-ro Hanuŝ faros bonajn servojn al gesamideanoj, kiuj dum la jubilea jaro alvenos Praha-on al la tombo de Sta. Venceslao kaj ĉeestos la festenajn aranĝojn, kies ĉefpunkto estos la malfermo de la finkonstruita kaj renovigita katedralo de Sta. Vito. Do ili ne preterlasu, havigi al si tiun ĉi bone kaj bele presitan libreton.

F. Meŝtan

**La familio Gerak** de Elin-Pelin (Dimitr Ivanov). Trad. At. D. Atanasov (Ada). Sofia 1924. E.-Koopera Societo. (83 pĝ.) 16°. br. Sv. fr. 0·60.

En la antaŭparolo de la tradukinto ni legas „Sur la kanvaso de la vilaĝa vivo Elin-Pelin brodas bildojn el la vivo kaj la moroj de la simpla bulgara popolo. La fundamenta ideo: la disfalo de la patriarkeca vivo sub la efiko de la nova moderna vivo. Silenta batalado inter la moroj de Okcidento kaj de Oriento. . .“ Sed tion ni certe ne trovas en tiu ĉi verketo. Mankas preskaŭ tute ia bulgara nacia propreco, la sama vilaĝo, kien kondukas nin la rakonto, povus troviĝi en iu alia lando. Ankaŭ la kolizio inter patriarkeca kaj moderna viv-manieroj ne estas elmontrita aŭ priparolita. La nekontestebla, ne neadebla valoro de la verketo pli vere estas homeca. Jen maljunulo soleciĝanta, jen purkora edzino dolĉa, forgesita de lia vagabonda filo, jen alia filo, avarulo, heredaĵavida, jen sindona amiko: jen ebriuloj, malsanuloj, klaĉulinoj ktp. Jen kortuŝantaj scenoj, kiel ekz. tiu, kiam la juna mizera Elka, malsana, iras sinmortigi en muelejkanalo, scenoj, kiuj, evitante ĉian sentimentaĵon, ne nur de ia esperantista, sed de ĝenerale literatura vidpunkto povas esti konsiderataj bone verkitaj.

Nikolao Hovorka.

**Klari.** Romano de Myriam Catalany. El al franca lingvo tradukis Em. Robert. 136 pĝ. 10:15½ cm. Prezo: 7 fr. fr. afrankite.

Jen nova, interesa kaj bona romano katolika. La sorto de Klari Fulbert sur la kastelo Malefour estas vere kortuŝa. Eklegínte mi ne povis formeti la libreton antaŭ la fini gado. La traduko de Robert estas bona. Entute oni povas vere gratuli al la eldonsocieto Sta. Miĥaelo je ĉi tiu nova verko. Estus nur dezirinde, ke ĝi trovu pli grandan subtenadon inter la esperantistaro katolika! Ĉiu aĉetu ĉi tiun legindan, malkaran libreton, neniu pentos.

Karl Dürschmid.

---

Anjo: „Ĉu vi vere amas min, Geĉjo?“

Geĉjo: „Memkompreneble! Kial do mi faru escepton je vi?“ Günter Erber-Graz.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunv.) »Pastete«, Sporg. 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Mittwoch (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 17·30—19·30 h.

I. Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Annagasse 5, I-a et., klubejoj de »Politische Gesellschaft«, Fr. (v.) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schüffergasse 3, Mi (me) de 19 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo »Fideleco«, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16—19 h.

## Rekomendindaj firmoj.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

Gemischtwaren = Diversajoj:
Alois Cisar, Bisambergstr. 21.

**Kaltenleutgeben.**

Peter Pich, komercisto, Hauptstraße 61.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Franz Reifmüller, Wien, I, Johannesgasse 6